# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**

**PLENUMITA 05/09/2019 Kvarcentkvardekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**



**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 837,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **306,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **288,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **243,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.84




Dum PA.G. priskribis la Infinitivon (vidu pasintajn lecionetojn), en $ 150 ĝi mencias ĝiajn suplementojn. Dum la vorto "suplemento" uzatas por aliaj vortspecoj, por la verbo oni uzas la nomojn "Objekto" kaj "Adjektoj". La samajn nomojn oni uzas por la suplementoj de la Infinitivo. Ĉi lasta ja estas verbo. Kiel ĉe la predikataj verboj, la suplementoj troviĝas normale post la infinitivo, sed povas uzati ankaŭ antaŭ la infinitivo. Jen ekzemploj: "Mi volas viziti MIAN AMIKON"; "Mi bezonas TAGE-NOKTE klopodi"; "Ne veni estas MALĜENTILAĴO"; "Vi ne povas devigi min IRI TIEN.". (= infinitiva suplemento "iri" ĉe la infinitivo "devigi"). Ĉi supraj suplementoj ĉe la infinitivo estas ĉiuj memstaraj frazpartoj.

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Pripensu zorge antaŭ ol deziron sopiri😋

Geedza paro, ambau sesdekjaraj, vivis virtoplene dum jardekoj.
Iun tagon surprizis ilin subita apero de feino, kiu diris: "Vi du estas tiom bonaj, ke vere vi ambaŭ meritas premion, do, mi pretas donaci al vi po unu dezirpeton."
La virino diris: "Mi ŝatus mondvojaĝi kun mia edzo." Paf!! Tuj aperis en ŝian manon aviadil- kaj krozbiletoj, kune kun rezervaĵoj por luksaj ĉambroj en kvin-stelaj hoteloj ĉirkaŭ la mondo.

"Nun estas via vico," diris la feino al la viro. Ŝafece, kaj ne rigardante sian edzinon, li diris: "Mi ŝatus esti kun virino tridek jaroj pli juna ol mi." Paf!! Tuj li fariĝis naŭdekjarulo. 😁 Vera Payne







# 3ZZZ



## OFICIALA anonco al la interesantoj; 27- 8- 2019

Mi, Svetislav Kanaĉki, intencas trandoni sian postenon en la 3zzz Esperanto-Radio-programo. Svetislav Fondis la 3zzz programon antaŭ pli ol 30 jaroj kun grandaj malfacilaĵoj ĉar ĝi ne estas nacia lingvo. Tamen helpe de unu persono interne de tiama komitatano, kiu informis min kion mi devis fari por konvinku la komitaton subteni Esperantajn programojn.

Mia intenco ne estis mem prezenti programojn, sed ke ili daŭrigu per la agoj de spertaj esperantistoj. Bedaŭrinde tio ne okazis je la komenco de la unua dissendo de la Esperanta programo.

Mia familia sanstato devigas min transdoni al la volontuloj aŭ asocio la daŭrigadon de la 3zzz Esperanto-radio-progamoj la ĝisnunan administran havaĵojn. Mi prezentos liston de la inventaro uzita de mi dum pli ol 30 jaroj

Mi sincere esperas ke Aŭstraliaj Esperantistoj aŭ asocioj trovos solvojn.

*Svetislav Kanaĉki* stevskank@hotmail.com





# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm ĝis 12 tagmezo, Bavarian Beer Café, Manly Wharf . Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 7a de septembro estis la unua sabato. Venu! *Roger Springer*



*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*

# Vestaĵojn plantoj ne havas en mia ĝardeno.

## ĈU ĈU ?



Kaj P.I.V. kaj P.A.G. diras, ke la vorto “ĉu” uzatas kiel subjunkcio kaj kiel adverbo. Adverbo, kiam ĝi komencas rektan demandon: “Ĉu vi malsatas?”, kaj subjunkcio en la kazo kie ĝi ligas du frazojn: “Mi demandis al li, ĉu li estas malsata”.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Por teni Esperanton tiom simpla kaj tiom esprimriĉa kiom eblas, mi klarigas tiun gramatikaĵon aliiel, alimaniere. En mia rezonado "ĉu" estas ĉiam nur subjunkcio, kaj kiam la frazo komenciĝas per "ĉu", tia frazo estas suborda frazo kaj ĝia ĉeffrazo, ĝia ĉefpropozicio, estas "Mi demandas", sed subkomprenata. Kelkfoje anstataŭ "Mi demandas," oni subkomprenu alian sed samsencan ĉeffrazon, ekz. "Mi ne sciis, ĉu ..." ; "Mi dubas, ĉu ... ; "Kio estas plej bona, ĉu ... aŭ ...?; "Mi ne distingas, ĉu ... aŭ ..." ; "Ĉu li estos amiko, aŭ ne, ni vidos"; "Vi dekliniĝos, ĉu iri dekstren aŭ maldekstren"; "Li ekstermiĝos, ĉu li estas indiĝeno ĉu koloniisto". (la plej multaj ekzemploj estas kopiitaj el P.I.V.). En ĉiuj tiuj kazoj la senco estas "mi demandas" aŭ "mi ne scias (do mi volas aŭ povus scii" (Oni eĉ povus uzi "ĉuumi" kiel alternativon por "demandi", dum "kielumi" estus demandi pri la maniero).

Krom la fakto, ke mi volas esti simplema en tio, por mi mia klarigo estas ankaŭ valida ĉar estas malfacila juĝi "ĉu" adverbo, ĉar adverbo povas moviĝi de unu parto al alia parto en la frazo, dum oni ne povas fari tion pri "ĉu": Ĉu "Vi ĉu estas malsata?, aŭ Vi estas ĉu malsata?"

Aliflanke, ĉe mia rezono ke la ĉu-frazo estas kaŝita suborda frazo, vi povus diri, ke oni devas nomi kaŝitaj subfrazoj ankaŭ la dirojn "Kiel vi vojaĝis?" Mi ne samopinias, ĉar "kiel" kaj ĉiuj demandaj adverboj havas certan signifon, dum "ĉu" ne havas signifon propran, ĝi funkcias nur kiel demanda interrilato inter "mi demandas" kaj la ĉu-frazo.

Ĉiukaze la malsameco de gramatika nomo neniel influas la normalan uzon de "Ĉu", eĉ kvankam la eŭropaj lingvoj havas alian manieron por, sen speciala demandovorto kiel "ĉu", formi rektajn demandojn (= sen signifaj demandovortoj).

*Marcel Leereveld.*

## KONU LA VESTAĴOJN VIAJN KAJ ALIIES !

Normale ni ne ofte vidas la subvestojn kiuj virinoj kaj viroj surhavas, escepte se oni kutime lavas aŭ vendas ilin. Kelkfoje ne tre sanaj homoj deziregas vidi la subpantalonojn de la alia sekso, verŝajne por pli bone imagi kion tiuj kovras.

Mi konstatis tamen, ke la subpantalonetoj surhavataj de la virinoj estas nuntempe en grandeco nur frakcio de tiuj surhavataj kiam mi estis knabo, antaŭ naŭdek jaroj. En kelkaj vilaĝoj en Nederlando ili estis eĉ kolosaj, kaj multaj, en tiu tempo. Sed ne tiuj de mia patrino, ĉar ni ne estis kamparanoj, sed urbanoj. La nunaj estas tiom malgrandaj (bonŝance?), ke ili malvarme kovras nur malgrandan parton da korpohaŭto.

La viraj subpantalonetoj estis kaj estas iomete same grandaj, sed rigardante en butikoj (por aĉeti kelkajn), mi konstatis ke ili havas diversajn formojn. Dum la virinaj taŭgas por la ĉiam similforma korpoparto, mi konstatis ke la viraj fabrikatas por diversformaj viroj, ĉar ili havas la truon en malsamaj lokoj. Ĉe multaj viroj la peniso evidente kreskas el la flanko de la korpo, ĉar la truo en la subpantaloneto estas en la flanko, dum mi kaj aliaj havas la truon ĝuste en la mezo, ĉar ĉe tiuj viroj evidente la peniso kreskas kontraŭe ĝuste en la mezo de la korpo. (Oni nomas tiujn pantalonetojn "s'pport"). Stranga fiziologia fenomeno, ne trovata ĉe animaloj. Do la viraro konsistas el "rekturinuloj" kaj "flanken-urinuloj".

*Marcel.*

## ĈU SEPTEMBRO, ĈU OKTOBRO ?

Pluraj plantoj en mia ĝardeno ne scias ĉu estas Septembro ĉu estas Oktobro. Pluraj floras multe tro frue. Tio ne okazis tiom en antaŭaj jaroj. Kelkajn mi inklinas vesti, pro tio. Ĉu

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

en aliaj partoj de Aŭstralio la samo okazas?

*Marcel.*

**DEMANDO AL VERA.** Ĉu vi vere pensas ke ni bezonas duan vorton por "maljunulo"? Ĉu, Vera, ni bezonas ankaŭ "sikulo" kaj "bigulo" kaj "smalulo" kaj "dirulo" kaj "sloŭulo"?

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Nova lerneja jaro en Francujo

La somera ferio ja finiĝis: infanoj kaj adoleskoj reiris al sia lernejo por la nova lerneja jaro, kie ili trovos kelkajn novaĵojn. Realiĝos la reformoj de la ministro pri edukado ,aliflanke la 21an de majo, post 60 proponitaj ŝanĝoj, estis akceptita de 213 poraj voĉoj kontraŭ 35, la nova leĝo laŭ kiu devige devas stari en ĉiu klasĉambro la flagoj de Francujo kaj Eŭropo, la devizo de la franca respubliko " libereco, egaleco, frateco" kaj la vortoj de la nacia himno La Marseillaise. Ne ĉiuj aprobas. Tiu decido estas taksata de kelkaj kiel supraĵa: simboloj ne povas anstataŭi debaton. Ĉu la ideo estas inviti la junulojn pliprofundigi sian historion? Ĉu emfazi identitecon kiel franco ĝuste kiam la britoj batalas kun la ideo de Brexit estas oportuna?



Notindas ankaŭ ke la gepatroj pli multnombre postulas instruadon de regionaj lingvoj kiel la kataluna, eŭska, bretona, okcitana, mozela ktp.....Ĉu reago al la truda pozicio de la angla lingvo? *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*https://chrome.google.com/webstore/detail/esperanto-x-system-to-uni/jbddgilgkejhmefpehlkcghcdkndcmoh*

**Donu al "x-sistema" teksto ĝiajn ĝustajn ĉapelojn! Ex. gx = ĝ.**

**Atendu, ĉi tio funkcias nur por retpaĝoj ekzistantaj! Ĝi NE ŝanĝas tiun, kiun vi tajpas!**

**X-system** [ Orig ]

A more recent system for typing in Esperanto is the so-called "x-system", which uses *x* instead of *h* for the digraphs, including *ux* for *ŭ*. For example, *ŝ* is represented by *sx*, as in *sxi* for *ŝi* and *sxanco* for *ŝanco*.



**X-system** [ edit ]

A more recent system for typing in Esperanto is the so-called "x-system", which uses *x* instead of *h* for the digraphs, including *ŭ* for *ŭ*. For example, *ŝ* is represented by *ŝ*, as in *ŝi* for *ŝi* and *ŝanco* for *ŝanco*.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# La Aŭstraliaj Kluboj http://aea.esperanto.org.au/local-groups/

**Brisbana Esperanto-Societo** Petro Danzer **Tel:** 0402 766 557
**Retpoŝto:** brisbane@esperanto.org.au
**Central Coast and Newcastle Esperanto Club** Joanne Cho Tel: 0413 087 340
Retpoŝto: centralcoast@esperanto.org.au
**Esperanto Coffee Club of Canberra** Huigh Malcolm Tel: (02) 6288 4334
Retpoŝto: canberra@esperanto.org.au
**Esperanto Federation of New South Wales** Tel: (02) 9319 4775
Retpoŝto: nsw@esperanto.org.au
**Esperanto in South Australia** Indrani Beharry-Lall Tel: (08) 8285 3128
Retpoŝto: sa@esperanto.org.au
**Esperanto League of Western Australia** Shayne Power Tel: (08) 9343 9532
Retpoŝto: esperantowa@hotmail.com
**Manly Esperanto Club** Roger Springer Tel: (02) 9976 6320
Retpoŝto: manly@esperanto.org.au
**Melbourne Esperanto Association** Heather Heldzingen Tel: (03) 9525 4295
Retpoŝto: melbourne@esperanto.org.au
**Tasmanian Esperanto Society** Kam Lee Tel: (03) 62251474
Retpoŝto: tas@esperanto.org.au
**Torquay Esperanto Coffee Club** John Adams Tel: (03) 5261 2899 / 0421 043 272
Retpoŝto: torquay@esperanto.org.au
**Tuvumba Esperanto-Societo** Hazel Green **Tel:** (07) 4691 1238
**Retpoŝto:** toowoomba@esperanto.org.au

**Se informon pri via klubo mankas aŭ eraras informu min.** *Roger Springer* rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Ricevantoj de la Aŭstraliaj Esperantistoj

La nomlisto de "Aŭstraliaj Esperantistoj" enhavas homojn kun konataj nomo kaj retadreso. Individuaj ricevantoj de Esperanto-elsendaĵoj per la reto kaj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

Se vi deziras ke via nomo estu sur tiu listo de ricevantoj, abonu! rspring@tpg.com.au

Se vi deziras ke via nomo ne estu sur tiu listo de ricevantoj, malabonu! rspring@tpg.com.au

Se vi deziras ke nomo de familiano estu sur tiu listo de ricevantoj, informu min.

Mi povas krome plusendi mesaĝon al individuo, kiu estas en la supra listo.

Mi ne donas adresojn al petantoj.

Viaj leteroj al AE, devas montri vian nomon kaj se vi deziras vian retadreson.
Mi ne aldonas iun ajn retadreson se la skribanto ne mem faras tion.

Ĉu vi ŝanĝos vian retadreson? Informu min. **rogerspringer@tpg.com.au;**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***